# Sennaciulo

**Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda**

Novembro 2001 — 72-a jaro, n-ro 11 (1157)

*Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem*

ISSN 1163.0442 — MENSUEL/MONATA

**http://www.multimania.com/satesperanto/ *** retadreso: satesper@noos.fr**

# Historio de Laborista Esperanto-Movado

## Ekspozicio en Parizo






**SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI**

## El la redaktejo...



*Karaj gekamaradoj,*
*kiel jam dirite en la oktobra numero, la novembra estas denove plena de diversaj novaĵoj kaj interesaj rubrikoj. Ni provas esti laŭeble aktualaj malgraŭ la monateco de nia organo. Danke al la reto en kiu pluraj el niaj gekamaradoj tre aktivas, ni nun akiras bonan materialon. Tamen, ni daŭre atendas la kunlaboraĵojn de niaj gekamaradoj kiuj ne uzas la reton. Sendu al la redakcio viajn artikolojn kun ilustraĵoj (se eble). Atentu pri la kvalitò de ilustraĵoj (plej bonaj estas la veraj fotoj), ĉar malbonkvalitaj ankaŭ malbone aperas en nia gazeto. Kiel vi povis rimarki en la oktobra numero, la kvalito de ilustraĵoj pliboniĝis.*

*Esperante ke vi estos kontentaj pri via gazeto kaj ke vi tuj repagos vian kotizon por 2002 (vidu lastan paĝon), mi kamaradece salutas vin ĉiujn.*
*Via,*

*Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo: 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
Retadreso: satesper@noos.fr.
TTT-paĝoj:
http://www.multimania.com/satesperanto
Oficejo malfermita: lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo: 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta Komitato - Y. Peyraut, P. Lévy, G. Rollin kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo: adreso de la redaktejo.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.
*
Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, FR-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication: Yves PEYRAUT
Abonnement annuel/jara abono, France: 336 FRF aŭ 51,70 €
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.
**Commission Paritaire n° AS-74399**
**Limdato por ricevo de kontribuajoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**

# KOMUNIKO



*Jen niaj arestitaj gekamaradoj kun la eksprezidento de eksa-Sovetio, M. Gorbaĉov.*

Kadre de la kampanjo por la liberigo de la membroj de la grupo PORTOS- (vidu la gvidrezolucion de la 74-a kongreso de SAT) ni forte sugestas ke ĉiuj strukturoj de SAT kaj plej multaj membroj de SAT sendu protestleteron al la komisaro pri homaj rajtoj en Moskvo.

Por tion fari, la SAT-sidejo povas sendi al ĉiuj dezirantoj tekston en la rusa lingvo (kun E-traduko por ke vi sciu pri kio temas), sendotan al tiu komisaro.




MONATO DECEMBRO ESTAS MONATO DE ESPERANTO-LIBRO.

NE FORGESU JAM NUN MENDI LIBROJN POR LA FESTOTAGOJ.

PER LA AĈETO DE SAT-ELDONAĴOJ VI HELPAS AL SAT.

ATENTIGO AL NIAJ KUNLABORANTOJ

Ni petas ĉiujn niajn kunlaborantojn sendi al ni siajn tekstojn ĉu per la reto en la formato de teksto aŭ sur la disketoj en la formatoj de Word, Apple (Claris)Works, aŭ prefere en la formato RTF. Bonvolu nepre tajpi viajn tekstojn per la sistemo x (cx = ĉ, sx=ŝ ktp) ĉar tio ebligas al ni facile transformi la tekston en normalan Esperanton. Se vi sendas tekstojn surpapere, vi tajpu ilin normale. Dankon.

La Redakcio

# FORUMO PRI TUTMONDIĜO EN NAGYKANIZSA

De pluraj monatoj estis antaŭvidite en la programo de la 74-a SAT-kongreso ke okazu marde la 17-an de Julio prelego de Ivo Peyraut pri: "SAT kaj la tutmondiĝo" de la 14h30 ĝis la 15h30, kaj prelego de Renato Ballaguy pri : "Nia sinteno fronte al la nuna tutmondiĝo" de la 15h30 ĝis 16h30. Du profundaj kaŭzoj modifis tiun programon. Unue okazis en Gotenburgo gravaj eventoj, kaj la du temoj tre similis. Do I.P. kaj R.B. interkonsentis ke estus pli oportune ke okazu nur unu sola kunveno, dum du horoj, kaj ne sub formo de prelegoj, sed sub formo de forumo.

Tiu projekto, tiu modifo, prezentita dum la unua laborkunsido, estis aplaŭde akceptita kaj tiun forumon ĉeestis pli da partoprenantoj ol la laborkunsidon mem!

Kelkaj gekamaradoj aŭ gesamideanoj sin esprimis (dudek ses entute) kaj oni povas bedaŭri ke ne estis antaŭvidita la verkado de vera protokolo.

Pro tio la sekvo de tiu teksto estas nur (escepte por la fino) kompilado de kelkaj notoj. La ĉeestintoj aludis pri jenaj temoj:

- la armeoj ludas grandan rolon kiam okazas konfliktoj naskitaj de la tutmondiĝo;
- la kontraŭuloj al la tutmondiĝo forĵetas komplete la kapitalismon. Ĉu ne povas ekzisti honesta kapitalismo?
- ni atentu ke naciistoj ankaŭ forĵetas la nocion de "tutmondiĝo";
- se iun tagon ĉiu homo povos vivi en decaj, bonaj vivkondiĉoj, ĉu daŭre okazos batalo kontraŭ la tutmondiĝo?
- eble ni devos esti pli precizaj en la elekto de la vortoj? Kion elekti inter : tutmondigo, tutmondiĝo, globalizo, totaligo? Aŭ trovi alia(j)n esprimo(j)n?
- jam la merkato sennaciisma disvolviĝas,
- necesas insisti pri la rolo de la mono, bazo de la kapitalismo;
- en kelkaj partoj de la mondo ekzistas abundo. Ĉu oni povas ĝeneraligi tiun situacion al la tuta mondo?
- ne ĉiuj proletoj estas progresemaj; multaj el ili aĉetas akciojn.
- la ĉeestantoj petas de la P.K. ke tiu temo estu prezentata dum la Strategia Forumo kadre de la U.K. de Zagrebo;*
- Pluraj gekamaradoj insistis por ke eventuale SAT subtenu nur la pacajn partojn de la stratmanifestacioj, se eventuale;
- alia k-do informas ke li mem respondas, ankaŭ eventuale, al polica perforto per persona perforto.

La lasta punkto traktis la temon: ĉu SAT, ĉu SAT-anoj, povas, devas partopreni al tiuj novaj formoj de batalo kontraŭ la liberalismo, kontraŭ la kapitalismo, kontraŭ la tutmondiĝo? La respondo estis unuanime jesa, sed kun normalaj mankoj, laŭ ĉiu persona tendenco. Ĉiuj konsentis ke estus oportune apogi la klopodojn de la reformismaj kaj radikalaj grupoj, sed ne tiel bone tiujn kiuj uzas sisteme perforton. Tio signifas ke ĉiu civitano en la mondo havas siajn proprajn "liniojn"... Por uzi strattrafikan komparon: ĉiu havas sian propran blankan, flavan, aŭ ruĝan nepreterpaseblan linion!

Oni retrovas tiujn bazajn ideojn en la gvidrezolucio kiu tekstas:

"La Kongreso gratulas pro la agado plenumita komisie de la PK kaj alvokas ĉiujn SAT-anojn konkrete agadi tra la mondo kontraŭ novliberalisma tutmondiĝo. Ĝi instigas al paca partopreno en manifestacioj nome de SAT. La kongreso aprobas la kreon de laborkomisiono kiu ellaboros materialon necesan por tiu partopreno."

Konsekvence ĉiu el ni, ĉu individue, ĉu kolektive, povas aperi publike sur tiu ĉi kampo. SAT ne posedas materialon (sloganojn, flugfoliojn, tekstojn, broŝurojn, ktp) por tiuj temoj. K-doj Ballaguy kaj Peyraut sin proponis por komenci ellabori tiun materialon. Aliaj gekamaradoj povas partopreni en tiu laboro, kaj sendi erojn al la SAT-sidejo. Se eblas estus bone ke SAT aperu en Decembro dum la eŭropa supro.

I. Peyraut

* tio estis farita

## Ĵus aperis.....

- **"Antoni Grabowski, eminenta Esperanto-aganto"** de Zofia Banet Fornalova. 140 paĝoj. Eldonejo "Hejme".
- **"Maskerado ĉirkaŭ la morto"** de Tivadar Soros (patro de Georgo). 320 paĝoj. 2-a eldono prizorgita de Humphrey Tonkin. Eld. UEA.
- **"La libro de la mirindaĵoj"** de Marko Polo. 450 paĝoj. Traduko Daniel Moirand. Eld. UEA

Aperos en Sennaciulo recenzoj pri tiuj libroj, ĉiuj haveblaj ĉe la libroservo de UEA.

# KOMUNIKOJ

La verdulaj partioj organizis tutmondan kongreson en Canberra (Aŭstralio) dum Pasko 2001 (vd.S-ulon n° 1151, majo 2001). Tiuokaze ili adoptis ĈARTON. La asocio de Verdulaj Esperantistoj (AVE) ĝin tradukis esperantlingven. Oni povas peti tiun tekston ĉe: AVE, Kandelstr. 62, DE-79194 Gundelfingen, Germanio.

*****

- Talenta franca kantisto Morice BENIN intencas eldoni Ko-diskon en Esperanto pere de "Vinilkosmo". Tiel vi povos malkovri sennaciecan poezion tra titoloj kiel : "La landoj ekzistas ne", "Homa blovo", "Maristoj de l'ter", ktp. Antaŭmendo helpos tiun eldonon.
Prezo : 13,50 Eŭroj, sendotaj al
VINILKOSMO
FR-31450 DONNEVILLE, Francio

*****

- Post sia reveno en Tokion, kie ŝi laboras, Myagmar ALTANSETSEG, mongolia SAT-anino, prelegis pri la 74-a SAT-kongreso antaŭ la Tokia Esperanto-klubo. Ŝi planas organizi el Japanio karavanon al Alicante. Imitindaj agadoj.

*****

- Daŭre aperas volumoj en la kolekto "Nigra Serio" eldonita de KLEKS. (Sennaciulo recenzis i.a. "Higieno de l'murdisto" de Amelie Nothomb). Oni povas mendi la katalogon ĉe:
Eldonejo KLEKS
ul. Braterska 41
PL-43-346 BIELSKO-BIALA
Pollando

*****

- K-do Manfred Fuehrer indikas en la diskutejo de SAT, ke li gvidas esperanto-kursojn (kun informoj pri la SAT-movado) en la reto. Tiu instrumetodo efikas kaj nia kamarado aldonas, ke li bezonas helpantojn:
"Mi volas sugesti, ke ni alvoku precipe LEA- (kaj ankaŭ SAT)-anojn, kiuj sufiĉe regas Esperanton, kaj kiuj kapablas uzi komputilon kaj interreton, ke ili aktivu kiel mentoroj en jam ekzistantaj retkursoj. Tiel ni povas pli efike informi pri SAT, ol se vi lasas ĉion al neŭtraluloj. En Germanio ekzemple, daŭre mentoroj estas serĉataj. Ni apenaŭ povas sufiĉe prizorgi la multajn interesulojn."
Oni povas kontakti lin rete: *<manfred-fuehrer@esperanto.de>*



## LA 11-AN DE SEPTEMBRO 2001

(La saman tagon kiam okazis atenco en Usono)

La 11-an de septembro 2001 **ankaŭ mortis en la mondo 35.615 infanoj pro malsato.**

| | |
|---|---|
| Viktimoj: | **35.615** |
| *(Laŭ FAO - Monda Organizo kontraŭ la malsato)* | |
| Loko: En la plej malriĉaj landoj de la mondo. | |
| Specialaj televidaj raportoj : | **NULO** |
| Artikoloj en gazetoj: | **NULO** |
| Mesaĝoj de ŝtatprezidentoj: | **NULO** |
| Alvokoj de asocioj kontraŭ la krizo: | **NULO** |
| Solidarecaj mesaĝoj : | **NULO** |
| Minutoj de silento : | **NULO** |
| Omaĝoj al viktimoj : | **NULO** |
| Specialaj forumoj organizitaj : | **NULO** |
| Mesaĝoj de la Papo : | **NULO** |
| La borsoj : | **NORMALE** |
| Situacio de Eŭro : | **NORMALA** |
| Alarma nivelo : | **NULO** |
| Mobilizadoj de armeoj : | **NULO** |
| Hipotezoj de la identeco de krimuloj : | **NENIO** |
| Eblaj respondeculoj pri la krimo : | **RIĈAJ LANDOJ** |







## MONDA FONDUSO DE SOLIDARECO KONTRAŬ LA MALSATO MUTUALISTA INTERHELPO

En Togolando, la grupo de Kossi komencis repagi la prunton per kiu ĝi povis sin ekipi por la tirbesta kultivado, kvinobligi siajn vivtenajn produktojn, komenci novajn kulturojn, estigi kaj federi novajn grupojn da junaj vilaĝanoj por diversigi la produktojn, siavice trejnigi tiujn grupojn pri terkultivado. Kossi ne konas neĝon, sed ja neĝbulan efikon okazigis la sukceso de lia grupo ekde negranda financado, kiun ĝi sciis fruktodonigi en partigema spirito.

Do, Kossi repagas sian prunton. Plej oportune, ĉar ĝuste ĉe la norda najbaro, en Burkinio, siavice la grupo de Symphorien bezonas helpeton por ekbredi porkojn, kiuj facile vendiĝos, kaj kiuj helpos ĝiajn familiojn eliri el la mizero. La repago de la grupo de Kossi kontribuos en tio. Ĝi ne sufiĉos : oni aldonos la repagon de la prunto de la kooperativo de Adrien, en Haitio, kiu komencas igi mongajna la magazenon de provizado al la kamparanoj de sia regiono Artibonito. Ankaŭ ĝi estis ricevinta malgrandan financadon por ekigi sian magazenon, kaj nun ĝi bone funkcias. Tial la kamparanoj fariĝas de nun vicertaj pri regula provizado per semoj, sterkoj kaj iloj : finfine ili povas do programi siajn kultivojn kaj siajn rikoltojn.

Kaj antaŭe la haitiana kooperativo sammaniere povis ricevi helpon, nur ĉar la profesia klerigejo de la ruandano Casimir kaj la senlaborula domo de Maurice en Francio jam repagis la pruntojn, kiuj ebligis ilin progresi al la prinutra memsufiĉo de la homoj, pri kiuj ili respondecas.

Kaj tiel plu ! dekoj da grupoj tra la mondo tiel praktikas la mutualistan interhelpon sine de Monda Fonduso de Solidareco Kontraŭ la Malsato, al kiu ili aliĝis. Santiago, Marie-Nicole, Dermane, Denis, Gbati, Miteyo, Yaovi, Idrissa, Georges, Gaston, Ibrahimou, Mawuli, Abalo, Ekouégan, Francisco, Constance, Wohubé kaj multaj aliaj kune atestas, ke la vera solidareco ne estas bonkoreco, kaj ke ĝi baziĝas sur organizenda reciprokeco.

Organizi ! Ne facilas, kiam oni apenaŭ disponas monon por sin nutri. Sed nu ! Kiam oni volas, oni povas. Kaj jen post 18 jaroj da laboro Monda Fonduso de Solidareco Kontraŭ la Malsato okazigis sian unuan mondan federacian asembleon, en aŭgusto 2000 en Abomey-Calavi (Benino). Kial en Benino ? Tutsimple ĉar inter ĝiaj nunaj 1050 aliĝintoj pli ol 800 estas afrikanoj. Ne nur estis plej emociplena la rekta kontakto inter malproksimaj samasocianoj, el kiuj multaj neniam estis forlasintaj sian vilaĝon, sed ankaŭ estis memevidenta la realeco pri la alpropriĝo, fare de ĉiuj, de la klopodo al transnacia solidareco laŭ mutualisma kaj federaciisma maniero. La elekto de afrikaj reprezentantoj en la regantaj instancoj de Monda Fonduso atestas pri tio kaj donas al ili novan viglecon. Fakte per tia agado estas kreata tutmonda demokratia institucio. Ĉu estas utile precizigi, ke Monda Fonduso de Solidareco Kontraŭ la Malsato estas gastigema al ĈIUJ civitanoj de nia planedo?

Alain Cavelier

Por sin informi : Monda Solidareco, Les Nids, FR 49190 ST AUBIN DE LUIGNE
http://www.globenet.org/fms-faim
*<dan.cdm@wanadoo.fr>*

# UNUA MONDKONGRESO KONTRAŬ LA MORTPUNO

## 21-23. de junio 2001 - Strasburgo

Dum la antaŭaj jaroj Michel TAUBE, franca intelektulo, verkis du librojn dediĉitajn al la mortpuno(1).

Tiuj libroj vekis sufiĉe grandan intereson, kaj M. Taube kreis, komence de 2001, la asocion "Ensemble contre la peine de mort" (ECPM),(Kune kontraŭ la mortpuno), kaj, kvankam ĝi ne estis tre forta, tiu asocio lanĉis la ideon pri la organizado de kongreso pri tiu temo en Strasburgo.

Laŭ mi neatendite, tiu ideo vekis grandan eĥon kaj la kongreso okazis tre sukcese. Verŝajne (preskaŭ) ĉiuj legantoj de Sennaciulo estis informitaj pri tio, dank'al la amaskomunikiloj kiuj abunde kovris la eventon. Ĉar SAT estas rekte interesata je la abolo de la mortpuno (pro la kazo de Billy Waldon-Sequoyah), ĝi aliĝis al tiu kongreso, kaj sendis delegiton por ĝin ĉeesti.

Dank'al la bona laboro de amaskomunikiloj ne necesas rakonti ĉion detale, sed la plej gravajn punktojn.

Ĝis nun 109 landoj abolis la mortpunon kaj 87 plu praktikas ĝin. En la jaro 2000, 1273 personoj estis ekzekutitaj, i.a. en Ĉinio (1010), Usono (85), Irano (75), kaj Saŭdia Arabio (63). Por denunci la persiston de tiuj barbaraj mezepokaj moroj aliancîĝis kun ECPM prestiĝaj asocioj: «Amnestio Internacia», «Internacia Federacio pri Homaj Rajtoj», «Ligo pri Homaj rajtoj», «Human Rights», ktp.

La kunsidoj okazis en la sidejoj de la Eŭropa Konsilio(2) kaj de la Eŭropa Parlamento. Ili arigis centojn da personoj inter kiuj:

- Politikistojn - Nicole Fontaine (prezidantino de Eŭropa Parlamento), ĉirkaŭata de multaj parlamentanoj; 15 prezidantoj de naciaj parlamentoj;
- advokatoj kiel Robert Badinter, eksa justicministro;
- ĵurnalistoj kiel Bruce Shapiro (The Nation, Novjorko);
- eksaj mortkondamnitoj kiel Jose Giovanini, Philippe Maurice kaj Kerry Cook;
- filozofoj kiel Jacques Derrida;
- respondeculoj de multaj asocioj kiuj sin dediĉas al la defendo de la homaj rajtoj.

Oni ne povas ĉiujn citi, sed ĉiuj samopiniis pri la komuna temo: Kiel plej efike agi por malaperigi la mortpunon? La du plej konstruaj kunsidoj



*Muzea ekzemplero de elektra ekzekutseĝo.*

estis dediĉitaj al la geopolitika analizo kaj la strategioj por la abolo.

Oni povas rimarki ke la plej gravaj delegacioj venis el Usono kaj el Japanio, kiuj estas la solaj el la t.n. demokrataj landoj kiuj ne abolis la mortpunon. Kaj tiuj 2 delegacioj (precipe ĵurnalistoj, advokatoj, aktivuloj) ĉeestis tiun kongreson por ke kreiĝu tutmonda premo precipe ĉe la usonaj instancoj por aboli la mortpunon en Usono. La neoficiala pensmaniero estis: "Se Usono abolas la mortpunon, multaj aliaj landoj imitos ĝian sintenon". Finfine la usonanoj diris al la eŭropanoj: "Helpu nin!"

Tre oficiale, dum la solena kunsido en la Eŭropa Parlamento, Nicole Fontaine, aprobita de Lord Russel-Johnston, prezidanto de la parlamenta asembleo de Eŭropa Konsilio, anoncis ke komenciĝos proceduro por eventuala forpelo de Usono de ĝia posteno de observanto ĉe la Eŭropa Konsilio. Ĝis nun nenio okazis, sed ni petas la legantojn de Sennaciulo atenti pri la evoluo de tiu situacio.

Dum tiu kongreso la delegito de SAT renkontis respondeculojn de asocioj por la Homaj rajtoj (francaj kaj usonaj), kaj usonajn ĵurnalistojn. Ili ĉiuj ricevis dokumenton kiu resumas la kazon de Billy Waldon Sequoyah, kaj ili ĉiuj promesis partopreni (se necesas) kampanjon por savi la vivon de B.W. Pro tio ili ricevos kompletan dosieron kaj aktivos kiam la defendantoj de B.W. opinios ke tio estas oportuna.

Pro la sukceso de tiu unua kongreso, la asocio ECPM intencas organizi duan, venontjare, ...en Usono! Estas nepre necese ke la SAT-membroj estu informataj pri la evoluo de tiu situacio. Preter la kazo de B.W., oni povas supozi ke la lukto por la abolo de la mortpuno ĉie en la mondo estas parto de la "doktrino" de SAT. Tiusence la gvidrezolucio de la 74-a kongreso de SAT tekstas jene :

«Ĝi aprobas la partoprenon de la P.K; en la konferenco kontraŭ la mortopuno kaj instigas ĉiujn SAT-anojn engaĝiĝi en agado celanta abolon de la mortopuno kaj aparte alvokas savi la vivon de kamarado N.I.Sekvojo (Billy Waldon) kaj instigas daŭre kontribui al la fonduso tiucela».

Ni ĉiuj trovu plej taŭgajn rimedojn por partopreni tiun gravan batalon, kiel esperantistoj kaj kiel SAT-anoj.

*Ivo Peyraut*

(1) i.az. "L'Amerique qui tue" (Ameriko kiu murdas)

(2) Oni povas rimarki ke la 40 eŭropaj landoj kiuj estas membroj de la Eŭropa Konsilio abolis la mortpunon.



# Atakoj kontraŭ Afganio

*La tuta homaro unuiĝas en periodo de grandaj danĝeroj. Kion prognozi? Jen kelkaj pripensoj, rimarkoj, sloganoj kiuj atingis la SAT-sidejon antaŭ kaj post la unuaj bombardoj en Afganio.*

* "Mi kredas ke la esperantistaro monda, regiona, urba aŭ vilaĝa kondamnas la teruraĵojn kontraŭ la afganistana teritorio. Jam tie iuj homoj apartenantaj al Unuiĝintaj Nacioj estas viktimoj de la morta kulturo etendiĝinta laŭlonge de la tuta mondo."

*Santiago Alvarez, per la reto la 9.10.2001.*

***

* "La riĉaj homoj de la riĉaj socioj estas tiuj kiuj regas la Mondon, konkurantaj inter si, cele al pli granda parto de potenco kaj riĉaĵo, senkompate forpelante tiujn kiuj kontraŭstaras ilin sur la vojo, helpataj de la riĉaj homoj de la malsatantaj socioj, kiuj donas siajn impulsojn. La aliaj, servas kaj suferas. Nur la obstinaj blinduloj insistas je la vido de la funkciantaj mekanismoj."

*Noam Chomsky, sendita de Johano Aguilera, la 7-an de oktobro 2001.*

***

*Ago-Tago kontraŭ terorismo. Povas esti diversaj ideoj, sed ŝajnas tute pravigite ligi la Ago-Tagon por Esperanto (la unuan sabaton de oktobro, do la 6-an; la agado povus eventuale pludaŭri pliajn tagojn), al ĉiuj porpacaj iniciatoj, ekzemple en rilato kun la temo "Por paco, kontraŭ ĉiuj terorismoj".

Nia simpatio iru al ĉiuj senkulpaj viktimoj de teroraj agoj kiuj trafas virinojn, ŝtonmortigitajn en Afganio aŭ sub aliaj islamistaj reĝimoj, ĉu junulinojn seksе perfortitajn kaj poste murditajn (ĉu kun aprobo de Alaho?) en Alĝerio aŭ kvietajn ŝafistojn buĉitajn per tranĉo de la gorĝo en la sama lando, ĉu simplajn civitanojn de Albanio, de Serbio aŭ de kiu ajn lando inkluzive de , hodiaŭ, Usono, kiu, unuafoje en sia historio depost sia sendependiĝo, malkovras entute la hororon de militagoj sur sia propra teritorio.

La starigo de terorreĝimoj kaj la subteno al subpremaj reĝimoj, pro ekonomiaj kialoj, estas alia formo de terorismo kontraŭ kiu necesas rezistado kaj kontraŭstaro al la ŝtata terorismo."

*Henriko Masson, Heroldo de Esperanto, la 12-an de Septembro.*

***

* La Internacio de la rezistantoj kontraŭ la milito (en kiu aktivas pluraj esperantistoj) lanĉis alvokon por kontraŭi al la milito kaj al ĝia preparo.

*Kontakto*

***

*Aŭdite en la stratoj de Parizo, dum manifestacio kontraŭ la milito (la 11-an de oktobro):
«Ne al imperiismo
Ne al fundamentalismo
Socia batal'
Kontraŭ l'kapital'».

***

*En la kadro de unueca manifestacio kontraŭ maldungoj, la 13-an de oktobro, en Lannion (departemento Côtes d'Armor, Bretonio), la grupo «JES Futuro» de la franclingva anarkiista federacio brue defilis kun dulingva flagrubando : «Capitalisme partout, Justice nulle part / Kapitalismo ĉie, Justico nenie. Klasbatalo»).

*Sendita de H. Masson tra la reto la 15-an de oktobro).*

***

*«La sklavo ĉiam estas en stato de prava memdefendado, kaj sekve, lia perforto kontraŭ la mastro, kontraŭ la premanto, ĉiam estas morale pravigebla.» (el Umanita Nova, la 25-an de aŭgusto 1921)

*Sendita de Rob per la reto, la 15-an de oktobro 2001)*

***

*Steve Chapman, skribas en «Chicago Tribune»: «La flago ne devas esti uzata kiel buŝoŝtopila tuko; lojalo ne estas blinda konsento kaj akordo.» «La civitanoj ne estas soldatoj kiuj devas obei blinde. Ili devas defendi liberon, privatecon kaj la rajton malkonsenti sen danĝero por siaj vivoj.»

*Sendita de Ruben Feldman, tra la reto la 15-an de oktobro 2001.*

# Manifestacio en Berlino

Mi ĵus revenis de la berlina kontraŭmilita manifestacio, kiu okazis sub la devizo "Ne militon!" Neniu diligente mobilizis homojn, do estis nur ses geesperantistoj, kiuj marŝis kune, sed tio estis tamen io.

Entute estis (laŭ la televido) 12000-13000 partoprenantoj, kiuj almarŝis el tri apartaj kolektiĝejoj al la urbocentra Gendarmenplatz. Rimarkindaj estis multe da lernejanoj. Jam dum la semajno okazis posttagmeza manifestacio de 3000 gelernantoj kontraŭ la milito. La politikiĝo de la plej juna generacio estas kompreneble bonaŭgura signo.

Krom la jam delonge konataj maldekstraj grupoj, estis ankaŭ multaj anoj de ATTAC. Unuafoje mi observis ĉe manifestacio ŝildojn kun sloganoj direktitaj kontraŭ la partio de Verduloj (kaj kompreneble ankaŭ kontraŭ la aliaj parlamentaj partioj, escepte de la PDS — partio de Demokratia Socialismo — kiu balotis kontraŭ la deklaro de la milita apogo).

Okazis perturbo, sed sen seriozaj sekvoj, kiam anoj de la NPD (ekstremdekstruloj) malvolvis sloganbendon. Ĉi tiu partio kandidatas okaze de la baldaŭaj berlinaj elektoj. Ĝi elmetas nun en la urbo afiŝojn kun sloganoj kiel "Berlino restos germana!", "Nacia : tute normala!" kaj "Normala! Ne geja!". Kutime oni rigardas ĝin kiel "novnazian" partion, sed oni devas konstati, ke ĝia junulara sekcio multrilate transiris jam al novdekstraj starpunktoj, do ne estas mirige, ke ili provas aliĝi al maldekstra, kontraŭmilita manifestacio.

Gary Mickle

## MANIFESTACIO EN BRUSELO

Pri la ĉijara supro de la Eŭropa Unuiĝo kiu okazos meze de decembro en Bruselo, jen kelkaj informoj (provizoraj):

1. La programo de la kontraŭ-supro estos la jena:
* ĵaŭde la 13-an : manifestacio de la C.E.S. (Eŭropa Sindikata Konfederacio).
* vendrede la 14-an : forumoj
* sabate la 15-an : stratmanifestacioj kaj forumoj.

2. Estus oportune ke dum tiuj tri tagoj SAT-anoj partoprenu la eventojn; sed por tio, ĉiutage iu(j) devas respondeci pri eventoj, i.a. pri la horo kaj la loko de rendevuo.

3. La komisiono elektita dum la 74-a SAT-kongreso (R. Ballaguy kaj I. Peyraut) preparas 6-lingvan (esperantan, francan, nederlandan, hispanan, germanan kaj anglan) flugfolion.

4. Grupo de parizanoj partoprenos - minimume la manifestaciojn sabate kaj kunportos tri banderolojn (i.a. tiun de la 1-a de Majo 2000)

5. Tiu grupo ne kapablis ĝis nun scii kie kaj kiam komenciĝos precize la diversaj okazontaĵoj. Kiam iuj havos precizajn informojn, bonvolu sendi ilin al la SAT-sidejo, perrete, perfakse aŭ telefone.

# EKSPLODO EN TULUZO

Mi povas doni al vi bonajn novaĵojn. Sabate matene mi vizitis la plej proksimajn amikojn, interalie Antonio Membrado de SAT-Amikaro. Kvankam lia domo restis sen fenestroj kaj sen pordo, li bonfartas kaj ne estis vundita. Feliĉe li estis en la ĝardeno dum la eksplodo.
Ĉe JoMo (la kantisto) krom vitroj eksploditaj ne estis aliaj damaĝoj. Mikela Catlla, de esperanto-Kultur-Centro ankaŭ havis damaĝojn ĉe la fenestroj.
Ceteraj esperantistoj ankaŭ feliĉe-bonfartas.

La Studio de radio FMR estis tute detruita kaj ne plu povis funkcii. Feliĉe ankaŭ neniu vundiĝis tie ĉar en tiu horo ne estis personaro. Ili alvenas nur je la 10a 30, kaj se ili alvenus antaŭe, ili estus mortintaj. La radio stacio ĝuste frontas la fabrikon en la alia flanko de Garono. La bilanco estas 29 mortintoj, dudeko da malaperintoj kaj 2000 homoj pasis en hospitalo, el kiuj preskaŭ 700 devas resti pli longe kaj 60 kiuj estis grave vunditaj. Multaj homoj blindiĝis aŭ perdis okulon pro vitro-splitoj en la okuloj (ĉu en la apartementoj, oficejoj, lernejoj kaj aŭtoj). Terure !

500 domoj/apartamentoj detruitaj kaj rekonstruotaj, 5 lernejoj detruitaj kaj rekonstruotaj, 10 estas fermitaj pro urĝaj riparoj (inter ili la belletra universitato kiu parte ne povos funkcii). Kaj entute 70 lernejoj suferis pro pli malgravaj damaĝoj. Nekalkulebla estas la nombro de domoj, apartamentoj, oficejoj, magazenoj, lenejoj, ktp... damaĝitaj kun grandaj riparlaboroj farendaj urĝe! Laŭ proksimuma kalkulo 10 000 damaĝitajn loĝejojn oni devas rapide ripari antaŭ ol alvenos malbona vetero. 1000 studentoj de la universitata loĝejo perdis siajn loĝejojn kaj estas serĉataj lokoj por ili. La unuan nokton ili dormis en gimnastikejo de la urbo.
Estas neimageble, multaj homoj estas psike traumatitaj (ŝokitaj).
La tuluza televido TLT minuton post minuto donas novaĵojn, mesaĝojn de familioj, mesaĝojn de la prefektejo, de la urbodomo, de la hospitaloj (por sangodonaco), pri granda solidareco flanke de la parto de la urbo ne damaĝita (helpo por pruntedoni ĉambrojn, tukojn, kovrilojn, manĝon, por purigi kaj forigi la rompitajn fenestrojn en la apartamentoj kaj domoj, ktp..)

Multaj savistoj (fajrobrigadistoj, civilaj savistoj, ruĝa kruco, kuracistoj, flegistoj, ktp) venis el pluraj najbaraj departementoj (Bordozo, Aĝeno, Albi, Montpellier...). La afero sufiĉe rapide organiziĝis, sed nun la rekonstruo estos longega. La tuluzanoj estas certe tiom traŭmatizitaj kiom la novjorkanoj aŭ eĉ pli ĉar multe pli granda parto de la urbo suferis pro tiu eksplodego. Laŭ fakuloj tiu katastrofo estas la plej grava post tiu de Ĉernobilo en Eŭropo !

Multaj familioj estis ne asekuritaj aŭ malbone asekuritaj, kaj ili perdis ĉion ! Estas petita helpo el diversaj manieroj: homoj kiuj kapablas ripari damaĝitajn domojn, oni petas kovrilojn por la homoj kiuj dormas en gimnastikejoj, manĝon, kaj ankaŭ monhelpon.

Nun gravas ke ĉiuj homoj kontraŭstaru kontraŭ la rekonstruo de tiu fabriko en ĉi tiu loko. De jaroj multaj asocioj de la kvartaloj, ekologiistoj, liberecanoj kaj aliaj alternativuloj petis kaj faris premojn por ke tiu danĝera petrokemia fabriko estu translokigita for de urba areo (kaj en pli sekuriga loko). La ŝtato kaj industriistoj diris ke tio kostus tro, ke tuluzanoj perdus laboron, ke la risko ne estas tiom granda, kaj ke ili kontrolas ĝin, ktp.... Ni vidis ke ili mensogis ! Sed kiom kostos al la tuluzanoj nun tiu ĉi katastrofo ?

Marde vespere estis gravega manifestacio en Tuluzo kun ĉirkaŭ 10 000 personoj. Venis ĉiuj homoj koleraj kontraŭ tiu katastrofo. Estis starigita la kolektiva movado «Jamais plus ça !» (Neniam plu tio ĉi!). En tiu movado estas mikso de ĉio: homoj kies domoj estis damaĝitaj, homoj kies familianoj estis vunditaj, lernejoj kun la profesoroj kaj lernantoj, sindikatoj, verduloj, anarkiistoj, ekologiistoj, kvartalaj asocioj, ktp... Ĉiuj montras sian malkontenton kaj estas deciditaj fari premon ĝis la aŭtoritatoj devigos translokigi tiun fabrikon kaj la du aliajn najbarajn (SNPE kaj Tolochimie) kiuj apartenas al la grupo Total/Fina (sama kiel tiu de la ŝipo kiu dronis en Bretonio «Erika»). Do nun sufiĉas! Ĝis nun okaze de katastrofo ili pagis dekon da milionoj da frankoj kaj ili eskapis tiel.... Ĉiuj volas ke tiaspecaj akcidentoj ne plu okazu, kaj ĉio devas esti farita por tio (ne ŝpari por havi pli da profito dorse de la sekureco kaj fidindeco de la instalaĵoj, ktp...). Estas petate bojkoti «Total/Fina» (ili distribuas benzinon). Tiu movado ankaŭ atakas la grupon Total/Fina antaŭ tribunalo por ke la respondeculoj estu severe punataj pro la nerespekto de la sekurreguloj, neglektemo kaj malatento pri la dum plurjaraj avertoj de la asocioj de la kvataloj kaj ekologiistoj, ktp... Ĉiukaze nun estas esplorado kaj enketo kaj ili malkovras ke la loko ne estis adaptita ( la fabriko estis konstruita en 1935, jes intertempe renovigita sed ankoraŭ multo restis de la plej malnovaj ejoj.). Eĉ la planoj de la ejo kiu eksplodis ne estas troveblaj, imagu !

Hieraŭ ni havis kunvenon en la ĵus trovita nova ejo de Radio FMR. Do ni en la venontaj semajnoj konstruos novajn studiojn en tiu ejo por ke la radiostacio povu dece reelsendi. Dume oni riparigis la elsendilon kaj reelsendas provizore en la detruita studio kiun oni ŝirmis per lignaj tabuloj najlitaj kaj plastaj ŝirmiloj. Espereble post 15 tagoj ni estos finintaj la laborojn de la nova studio. Mi ĉi posttagmeze iros eklabori tie.... Multaj homoj sin proponis por helpi...
La nova adreso de Radio FMR estas ekde nun :
Radio FMR
Redakcio de»Esperanto Magazino»
9 Boulevard des Minimes
FR-31200 Toulouse

Ĉiuj esperanto-gazetoj povas sendi tie siajn recenzekzemplerojn kiuj helpos al nia redakcio por plenumi niajn elsendoj.

Radio FMR estas ege malbonŝanca !

De kiam EUROKKA komencis la programojn en Radio FMR en 1988, la radio translokiĝis pro gravaj problemoj plurfoje. Unue de Place des Puits Clos en la centro de Tuluzo. Tiam la stacio estis en kelo kaj post grandega ŝtormego la urbo estis inundita kaj la kelo subakviĝis kun la tuta studio. Sekve de tiu katastrofo ĝi translokiĝis al Avenuo Frederic Estebe. Tie dufoje la stacio estis forŝtelita kaj dum pluraj longaj monatoj ĝi ne plu havis la rimedojn por reekfunkcii.
De Avenuo Frederic Estebe la radio estis translokigita sub la koncertejon Bikini, kies estro pruntedonis tie ejon. Kaj nun post tiu terurega eksplodo Bikini kaj la studio de FMR estis detruitaj, feliĉe sen homaj perdoj. Sed la radio-stacio rezistas kaj ni montris tion reelsendante provizore el la detruita studio ekde pasinta mardo la 25an posttagmeze !
Viaj kuraĝigaj mesaĝoj bonvenas ĉe :
«Esperanto-Magazino de Radio FMR» <fmr@radio-fmr.net>
Aŭ /kaj al la sekretariino de la radio
«Marcou»
<alexandra.marcou@wanadoo.fr>
Plej elradiajn salutojn de
Floreal Martorell
respondeculo de la Esperanto-Programo de radio FMR

**PROPONU AL VIAJ AMIKOJ ALIĜI AL SAT !**

# TEKSTO DE N.I. SEQUOYAH (Billy WALDON)

*Pastro Matthew REGAN (kiu multe zorgas pri N.I.S. - vidu S-ulon n° 1124, februaro 1999, paĝo 15), sendis al SAT tekston de N.I. Sekvojo (anglalingvan). Tiu letero informas nin ke dum multaj jaroj du usonaj personoj multege aktivis en la jurdefenda komitato, BINJO kaj MAX. Jen lia rakonto:*

"Mi esperas tiom multe! La Prezidantino de mia jurdefenda komitato estas malsana pro haŭtkancero. Permesu al mi klarigi iom pri tiu komitato kaj ĝia origino. Mi loĝis en Santa Monica (Kalifornio) kiam mi renkontiĝis kun du personoj kiuj iĝis karaj dumvivaj amikoj. La unua estis BINJO. Nun BINJO estas 76-jaraĝa. Ŝi estis multe pli juna kiam mi unuafoje renkontis ŝin. BINJO estas ŝia esperanto-pseŭdonomo. Ŝia vera nomo estas BERNICE GARRETT. La dua estis profesoro Max. Max Kaj Binjo estis jam emeritaj ambaŭ kiam mi renkontis ilin. Ni triope flue parolis Esperanton. Max estis emerita profesoro pri lingvistiko kaj lingvoj. Li lekciis ĉe la "Columbia" kaj Kalifornia Universitatoj kaj ankaŭ ĉe aliaj gimnazioj. Li flue parolis la hispanan. Oficiale li estis blindulo sed kapablis vidi tre etajn aferojn. Kiam Binjo renkontis lin, ŝi ekloĝis en la sama apartamento. Ili do loĝis kune en Los Angeles. Mi ofte vizitis ilin en tiu loĝejo. Binjo estis unue RN (diplomita flegistino), poste akiris Majstrogradon pri psikologio el Kalifornia Universitato kaj fondis konsilklinikon ĉe "Manhattan Beach" kie ŝi laboris ĝis emeritiĝo.

Triope ni fondis senprofitan kompanion laŭ la Kalifornia ŝtatleĝaro kies titolo estis "Intertalk" kun prezidantino Binjo. Max estis vicprezidanto kaj mi la sekretario. "Intertalk" ĉiam ekzistas kaj donacoj al ĝi permesas impostredukton. Ĝi propagandas por Esperanto diversmaniere kaj speciale organizante lecionojn por infanoj. Tiam mi estis arestita kaj akuzita pri krimoj pri kiuj mi estas senkulpa. Binjo kaj Max amike organizis defendkomitaton por mi. Longtempe ili ambaŭ estis kunprezidantoj de tiu komitato ĝis la tragika malapero de Max. Binjo daŭre prezidis sole. Tiel ŝi estis kunprezidanto kaj prezidantino dum 16 jaroj. Dume ŝi laboris miriginde. Ekzemple ŝi plenumis la komitatkontadon. Diversaj donacoj alvenis el la tuta mondo laŭlonge de la jaroj. Kelkfoje tiuj donacoj estis specife destinataj por certaj elspezoj kiel telefonkostoj, honorario de proceduristoj aŭ advokatoj, ktp. Binjo atentis ke la mono estu uzata laŭ la petoj de la donantoj. Ŝi eĉ kreis specialan konton nomita "Telephone account" (telefona konto) por pagi miajn alvokojn taksitajn al la vokito. De tempo al tempo mi alvokas Binjo-n kaj kompreneble mi nepre devas postuli ke ŝi mem pagu. Tiam ŝi konsentis kaj poste deduktas tiun koston el la konto "Telephone account", kiam ŝi ricevas la fakturon. Kompreneble okazas kelkfoje ke la konto "Telephone" kaj eĉ la "Ĝenerala defendkonto" estas malplenaj kaj tamen Binjo konsentas je miaj alvokoj. Ŝia animo estu benita! Binjo neniam estis pagita por iu defendlaboro. Ŝi estis sendita de Dio kaj mi estis ege feliĉa havi ŝin kiel amikinon. Ekzistas malnova proverbo: "Kiam amiko necesas, devas esti vera amiko". Binjo estas amikino necesa!"

*Kaj iun tagon ege malbona novaĵo atingis Billy Waldon. Binjo suferis pri haŭtkancero, kaj la sekvo de lia letero rakontas la longan batalon de Binjo kontraŭ la malsano. Ŝi provis diversajn terapiojn, sed ĝis nun ne tre sukcese. Se iu(j) el la legantoj de Sennaciulo povas helpi ŝin, jen ŝia adreso:*

Bernice (Binjo) GARRETT
13782 La Pat Place #24
WESTMINSTER, CA 92683
Usono

La redakcio

# KATASTROFO OKAZIGOS LA MILITARISMON KAJ PERDON DE RAJTOJ

La atakoj al Usono estis grandaj kruelaĵoj. Rilate al nombro de viktimoj, la atako ne atingas la saman nivelon de aliaj tragedioj kiel ekzemple la bombardado de Sudano fare de Clinton-registaro, kiu okazis sen iu ajn videbla motivo. Ĝi detruis duonon de la medikamentaĵoj de la lando kaj murdis eble dek-milojn da homoj (oni ne scias bone la kvanton de mortintoj ĉar Usono blokadis peton de UNo por fari la dosieron kaj neniu plu klopodis esplori bone la tragedion).

Oni povas rememori multajn tragediojn, eĉ pli gravajn kiujn provokis Usono.

Estu kiel ajn, tamen la tragedio en Usono estis sendube horora. La plej grandaj viktimoj estis la laboristoj: purigistinoj, sekretariinoj, oficistoj, fajrobrigadistoj, ktp. Tio okazigos rimedojn por sekureco kun perdo de la civilaj rajtoj kaj interna libereco.

Noam CHOMSKY*

* Noam CHOMSKY estas la plej konata lingvisto en la nuna epoko. Liaj verkoj estas tradukitaj en multajn lingvojn kaj ĝiaj pripensoj estas bazo de la laboroj de multaj lingvistoj en la mondo. Dum jardekoj, li estis profesoro en la M.I.T. (Massassuchets Institute of Technology). Tuj post la atencoj en Usono kontraŭ la WTC, li verkis longan tekston en la reto. Supre ni aperigas parton de ĝi. (NDLR)




Ĉu vi jam legis ĝin ?

# KOMUNIKO

La SAT-sidejo ricevis trilingvan inviton (france, angle, hispane) al la internacia konferenco de la "Internaciaj pacbrigadoj" - kiu devis okazi la 26-an kaj 27-an de Oktobro 2001 en Konstanco (Germanio) kaj Romanshorn (Svisio).
Tiu asocio, kvankam ne konata de la SAT-sidejo, ekzistas de 20 jaroj. Oni povas akiri informojn pri ĝi en la reto: <http://www.peacebrigades.org/conference>.
Se ni akiros pli da informoj, ni konigos ilin pere de S-ulo.

# MALLONGE

La numero 151 de "Laŭte !"prezentas 26-paĝan suplementon pri la SAT-broŝurservo. El cent sesdek aperintaj titoloj ĝi prezentas recenzojn pri naŭdeko el ili. Bona gvidilo por elekti la broŝurojn laŭplaĉe. Adreso: ESPERANTO, Cargue Sac, FR-47470 Beauville.

# LIEĜO, LA 22-AN DE SEPTEMBRO 2001

*Pri la manifestacio kiu okazis en Lieĝo, du SAT-anoj sendis raportojn: Jakvo el Flandrio kaj Bruno de Lotaringio. Ni aperigas ilin, ĉi poste, kaj vi povos konstati ke niaj kamaradoj, ne nur raportas, sed ankaŭ dialogas.*

*La redakcio*

Pli-malpli 10.000 homoj manifestaciis hodiaŭ, la 22an de septembro en Lieĝo kontraŭ la pinto de ministroj de financoj de Eŭropo.

La manifestacio ekstartis je la 10-a matene kaj havis grandan sukceson. Minimume 10.000 homoj partoprenis, precipe membroj de Eŭropaj sindikatoj. Krome partoprenis aktivuloj de 11.11.11., ATTAC, Oxfam, Internacia rezisto, D-14, Eŭropa Marŝo kontraŭ la senlaboreco,... La etoso estis ĝenerale trankvila, en multaj kazoj eĉ tro afabla.

La manifestacio iris ekde la citadelo tra la centro ĝis la ringo de Lieĝo. Ĉekape estis la sindikatoj sekvataj de la Neregistaraj organizoj. La sindikatoj kunportis kutimajn sloganojn altruditajn de la "ĉefoj", tamen kelkaj "revoluciuloj" kuraĝis "adapti" ilin. La francaj komunistoj de CGT partoprenis kun kelkaj centoj da partoprenantoj.

La venonta manifestacio okazos la 19-an de oktobro en Gento.

*Jakvo SCHRAM*

# GRAVAJ INTERNACIAJ MANIFESTACIOJ EN BELGIO

Gekamaradoj,

Kun mia fervojista sindikato el Thionville (FR) kaj tiu de Metz CGT (Ĝenerala Konferedacio de Laboro) ni partoprenis en Lieĝo (BE) la 22-an de septembro, kun miloj da manifestaciantoj por defendi la publikajn servojn kiel la fervojo. ATTAC, belgaj sindikatoj FGTB, CSV partoprenis. Ankaŭ movadoj de senlaboruloj. Ministroj pri financoj de eŭropa komunumo diskutadis kaj oni volas trudi la konkurencon en la retfervojoj laŭ la liberalismaj dogmoj. Privataj aŭ eksterlandaj kompanioj povus ekspluati trajnojn en iuj ajn landoj de Eŭropo kaj endanĝerigos la publikan servon kaj la laborkondiĉojn de la fervojistaro. Vidu kio okazis en la brita fervojo.

Sabate kaj dimanĉe (23 kaj 24.09.) okazis forumoj kontraŭ la liberalisma tutmondiĝo organizita de ATTAC kaj belgaj sindikatoj.

Jakvo, la CGT ne plu estas ligita al la Franca Komunista Partio kaj niaj kamaradoj havas diversajn opiniojn! Ni ne estas ŝafoj!

Nun mi pensas partopreni en la Eŭropa Manifestacio, la 13-an de decembro 2001 en Bruselo. Mi esperas ke la kamaradoj de SAT partoprenos en tiu grava manifestacio. Bruselo ne estas tro for de Parizo kaj de Antverpeno. Se ili venus mi kunagadus kun ili. Ĉu eblas kunporti la banderolon uzitan en Parizo la Unuan de majo 2000?

*Bruno HENRY*

# EKSPOZICIO EN PARIZO
(vidu titolpaĝon)



Kiel anoncite en la julia numero de S-ulo, okazis prezento de la ekspozicia materialo pri la "Laborista monda esperantista movado", de la 22-a de septembro ĝis la 9-a de oktobro 2001. Tiu ekspozicio okazis en tre bela pariza galerio, kaj ĝin vizitis 306 neesperantistoj, el kiuj 90 % konis nek Esperanton, nek SAT, kompreneble. Plej multaj el ili interesiĝis pri la temoj, kunportis informmaterialon kaj eĉ kelkaj decidis lerni Esperanton.

La tuta aranĝo funkciis glate dank'al la helpemo de kelkaj gekompanoj. Oni povas noti unu solan ombron: la parizregionaj esperantistoj, precipe SAT-anoj, ne svarmis en la galerio.

Kiel antaŭvidite prelegis Johano SELLE (prezidanto de SAT-Amikaro) pri: "Kiel prezenti Esperanton hodiaŭ" kaj Johano-Luko TORTEL pri : La specifeco de la instruado de Esperanto". Ĉu oni povas sugesti al la prelegintoj ke ili aperigu siajn tre interesajn argumentojn en la venonta numero de Sennacieca Revuo?

La Deĵoranto




«SENNACIECA REVUO» aperis.

Vi ricevos ĝin kiel suplemento al tiu ĉi aŭ al decembra numero de Sennaciulo. Jam nun sendu interesan materialon por tiu de la jaro 2002 al la redaktoro, k-do Mikaelo SCHERM. Dankon !

# Raporto de la kunsido de la ĝenerala Konsilantaro de SAT dum SAT-Kongreso en Nagykanizsa.

Dum la SAT-Kongreso en Nagykanizsa kunvenis en la sino de la ĝenerala Konsilantaro Ronald Lynn, Yamasaki Seikô, Tibor Szabadi, Vilhelmo Lutermano kaj Jakvo Schram.

Kvankam de la sekretario neniu preparo okazis por havi kunsidon, la avantaĝo rekte paroli unu kun aliaj donis al ni tute aliajn eblojn ol la kutima ligo per interreto.

Pri la listo de Ĝeneralaj Konsilantoj, kiun Vilhelmo notis, venis kelkaj demandoj. En la adresaro de SAT, sur paĝo IV, ni legas ke por LEA k-do E. Bense estas Ĝ.K-ano, kvankam post kontrolo de Ron en malnovaj adresaroj E. Bense jam dum minimume 3 jaroj eĉ ne plu estas membro de SAT. Evidente necesas demandi al Kreŝo, kio okazis kun ĉi tiu k-do, ĉu temas pri iu eraro.

Pro la fakto, ke la Ĝ.K-o de la pariza rondo, k-do Jean Selle, entute ne montris emon labori en la sino de la Ĝ.K., ni decidis peti la parizan rondon, ke ĝi delegu pli aktivan personon al la ĜK.

Sur la sama paĝo IV en la SAT-adresaro indikiĝas, ke k-do C. De Oliveira reprezentas LEA-on. Ankaŭ pri tio ni informiĝos ĉe Kreŝo. Plej verŝajne estas eraro, ĉar en Brazilio ne ekzistas LEA laŭ ĉi tiu sama adresaro.

Montriĝis ke kiam k-do Stephan, kiel li diris, estonte disponigos pri interreto, nur 2 anoj de la Ĝ.K. ne havos ligon, kio certe estas pozitiva evoluo por - se necesas - rapida interveno de la Ĝ.K. Estas evidente, ke la ne interretligitaj k-doj restas same valoraj kiel la aliaj.

**La 74a Kongreso de SAT konsideras,**

a) retaliron

b) kapablon uzi retpoŝton

gravaj faktoroj de kunlaboro en la PK, la ĜK kaj la Konfliktkomisiono. Ĝi alvokas al solidara helpemo de SAT, por ke la elektitoj disponu pri tiuj rimedoj.»

Nia firma volo helpi la koncernajn kamaradojn evidentas.

Ni ankaŭ diskutis pri la sistemo de elekto de la Ĝ.K laŭ horzonoj kaj konkludis, ke ni ne nur devas trovi ŝanĝon por tio, sed ankaŭ, kiel Ron diris, ke ni devas trovi eblon plifortigi Ĝ.K-on.

Ni decidis fari la diskuton pri tio en la sino de Ĝ.K. kaj en SAT Ĝenerale.

Jakvo reprenis la ideon, ke la Ĝ.K. devas diskuti en fermita rondo pri temoj, kiuj povas havi pozitivan influon al la laboro, funkciado kaj progreso de SAT. Li klare indikis, ke neniam povas rilati pri sekretaj kunsidoj, sed tutsimple pri malgranda rondo, kiu post interna diskuto povas fari proponojn al la P.K. kaj al la membroj. Neniam la Ĝ.K rajtas superi sian mandaton kaj fari decidojn ne aprobitajn de la membroj. Ni ne voĉdonis, sed la Ĝenerala etoso favoras al la ideo.

La tezo de Jakvo en sia letero al la SAT- Kongreso aperinta en S-ulo (1152) de junio 2001 pri ebla malutileco de la Ĝ.K. kiam akceptiĝas la propono de k-do Bustin ŝanĝi la P.K.-elekton, estis bone kontraŭargumentita de la spertulo pri statuto Petro Levi en S-ulo 1153 kaj dum la Kongreso de k-do Lutermano. Do mi ne plu referencis al ĉi tiu punkto kaj komprenas pli ol iam la neceson kaj valoron de la Ĝ.K. en la strukturo de SAT.

Do nepre necesas pritrakti la temon kiamaniere plifortigi la Ĝ.K-on.

La estonta nova P.K. elektota laŭ la propono de kdo Bustin ankaŭ vekis nian intereson. Eble diskuto inter la membroj pri ĉi tiu temo necesas, ĉar evidentas, ke la nova sistemo ne povas direkti nin al malfortigo, sed male al plifortigo de la P.K.

La ĜK alvokas ĉiujn SAT-anojn retanojn, ke ili partoprenu en nia diskutlisto :
<SAT-diskuto@yahoogroups.com.>

Komento de k-do Lutermano: Kelkaj k-doj dekomence aligitaj al tiu listo poste malabonis sin, ĉar a) la diskuto ne plaĉis al ili aŭ b) ili sentis sin superŝutitaj de tro da mesaĝoj. Pri a) oni devas diri, ke la diskutoj tie estas nun multe pli konstruivaj kaj ilia partopreno eĉ ege konsilinda por la propra agado, kaj pri b), ke eblas malŝalti la aŭtomatan ricevon de mesaĝoj, tiel ke oni povas legi ilin nur kiam oni iras sur la retpaĝon de la listo, tamen restante en kontakto kun la diskutado. Ĉiajn demandojn tiurilate direktu al Vilhelmo Lutermano aŭ Jakvo Schram (la du mastrumantoj de la listo).

Ĉar la LEA-grupoj estas gravaj por la bona funkciado de SAT, ni decidis fari novan alvokon al PREM delegi reprezentanton de PREM en la Ĝ.K-on. Ankaŭ la Odesa Grupo eble povas starigi Lea-on kaj tiel havi reprezentanton en Ĝ.K..

La ĜK. alvokas la japanojn, ke ili planu krei LEA-on; kaj, ĉar Albert Stephan estas elektita ano de la Ĝ.K, evidentas ke G/LEA devas delegi reprezentanton en la Ĝ.K-on.

Plurfoje oni substrekis la gravecon de LEA en SAT.

La kunveno estis instrua, kvankam ni apenaŭ havis 1 horon por diskuti. La rekta kontakto donis grandan kontenton al la sekretario, kiu por la unua fojo partoprenis SAT-Kongreson.—

Jakvo Schram

El la reto :

# Alternativa Brazila Kongreso de Esperanto

De la 15-a ĝis la 20-a de julio 2001 okazis en la brazila ĉefurbo Brazila Alternativa Kongreso de Esperanto (BAKE)
La kongresejo estis en la Urba Administrejo (urbestrejo), kie kunvenis tiuj, kiuj ne konsentis ke en Brazilo Esperanto havu ligojn kun religio.

TV BAND prezentis tre favoran raporton en sia vespera notic-programo, kie ĉefrolis la 5-jara knabino Marina, kiu ĉiujn ravis per sia flueco kaj gajeco.
La raportistino (ankaŭ Marina) tre bone klarigis pri la celoj de la lingvo internacia. Krome okazis baza kurso laŭ la "Ĉe"-metodo.

*laŭ la informoj de Roberto Resende*

## Protokolo de la 1-a kunsido de LEA-Komitato en Nagykanizsa

Ĉeestis 14 personoj.
Tagordo :
I. Raportoj de laboro de LEA-oj
II. Plenumo de unu el la punktoj de la Gvidrezolucio de la 73-a SAT-kongreso, nome la propono de la Odesa grupo "Esperanto 2000".

I. Raportis jenaj LEA-oj.
1. SATEB (Britio) Raportistoj Ronald Lynn kaj Pearl Simons. La organizo kunvenas ĉiusemajne. Lasta gasto estis el Niĝerio. La membraro preskaŭ stabilas. La komitato kunvenas kvarfoje jare. La informilon "La verda proleto" faras la teamo, sed la redaktoro forestas. Dum la 1-a de majo estis disdonita nova flugfolio. E. Lee sendis mesaĝon al SATEB, petante helpon pri liaj retaj paĝoj.
2. SAT-Amikaro. Raportisto Marcel Hardy. La organizo bone funkcias. 56-a kongreso de SAT-Amikaro okazis en aprilo 2001. La asocio havas 800 membrojn. Ĵurnalo «SAT-Amikaro» aperas ĉiumonate (10-foje jare). SAT-Amikaro aĉetis novan ejon en Parizo. Okazas kursoj. Estas novuloj: junaj esperantistoj.
3. SLEA (Svedio). Raportisto Herman Theobald. Informilo regulas Lasta numero n° 3 (junio 2001).
Gary Mickle rakontis pri informilo "Magazino".
4. PREM (Rusio), raportisto Nikolao Gudskov. PREM, same kiel SAT-membraro en Rusio, iom malpliiĝis. Nun estas nur ĉirkaŭ 35 membroj. "Bulteno aperadas regule kvarfoje jare.

II. Tamara Popova (Ukrainio) rakontis pri plia laboro de Odesa iniciata grupo por efektivigo de la projekto "Esperanto 2000". Ĉi tiun proponon, kiu celas enkonduki Esperanton en internaciajn rilatojn je ŝtata nivelo, aprobita de Moskva 73-a SAT-kongreso. Kongresanoj, tiucele, komisiis la Plenum-Komitaton instigi la LEA-ojn esti en rilato kun aliaj E-movadoj por ĝin apogi. P.K. sendis al ĉiuj Laboristaj E-Asocioj leteron la 24-an de oktobro 2000, sed neniu respondis.
Tiam Odesa iniciata grupo kreis la Mesaĝon al gvidantaro de UEA kaj Laboristaj E-Asocioj, ligitaj al SAT.
En diskuto pri tiu problemo partoprenis: Yves Peyraut, Stella de Weerd, Gary Mickle, Ronald Lynn, Herman Theobald.

Protokolis: Tamara Popova

---

Saŭdarabio

## Irakaj forgesitaj rifuĝintoj de Rafha tendaro

Rafha tendaro nun gastigas pli ol 5000 irakanojn kiujn saudarabiaj aŭtoritatoj rifuzas konsideri kiel rifuĝintojn kaj nomumas "gastoj" senigante ilin je ĉiuj juraj garantioj antaŭviditaj de internacia juro. Tiu sinteno ebligas al ili nur reveni Irakion aŭ reinstaliĝi alilanden.
Tamen finiĝis programo ĉe UN-Altkomisarejo por Rifuĝintoj ebligınte reinstalon de 24000 irakaj rifuĝintoj en Eŭropon, Nordamerikon kaj Aŭstralion. Nura opcio vere ebla do estas reveno al Irako.
Amnestio Internacia memorigas, ke ĝin vigle zorgigas persistaj malfaciloj kontraŭ irakanoj rifuĝintaj en Rafha tendaro, norde de Saŭdarabio, samkiel necerteco pri ilia estonteco. Iuj fontoj indikis, ke dekoj da ili malsatstrikas de la 23-a de junio por protesti kontraŭ interrompo en 1997 de reinstaliĝprogramo alilanden.
Organizo de defendo de homaj rajtoj ĵus filmis intervjuojn kun estintaj irakaj rifuĝintoj, disponigotajn al informilaro perrete. Iuj estintaj rifuĝintoj ankaŭ akceptas partopreni intervjuojn.

El «gazetara Komuniko de Amnestio Internacia».

## RADIO AŬSTRIA INTERNACIA en danĝero

La tradiciaj Esperanto-elsendoj de la «RADIO AŬSTRIA INTERNACIA» en Vieno estas en danĝero. La aŭstria registaro, kiu pagas la kostojn de ĉi tiu radiostacio volas ŝpari kaj redukti la lingvojn, en kiuj la RAI elsendas (ĝis nun en la germana, angla, franca, hispana kaj araba lingvoj kaj en Esperanto). Por la vintra elsendskemo la Esperanto-elsendoj estas savitaj - oni ĉesis la arabajn elsendojn -, sed por daŭre savi la Esperanto-elsendojn la RAI ege bezonas nian helpon. Se vi volas subteni la klopodojn por savi la Esperanto-elsendojn de la RAI -

* kiel eble plej ofte aŭskultu la elsendojn de la RAI:
- en la radio: ĉiuvendrede - 21.30 UTC je la frekvencoj 6155 kaj 5945 kHz, en diversaj landoj ankaŭ pere de satelitoj kaj telekabloj)
- 24-hora servo en la interreto: <http://roi.orf.at>
* montru vian intereson kaj petu la novan programon de la RAI
* skribu al la redakcio de la RAI pri viaj reagoj al la elsendoj (La nombro de la reagoj estas la sola grava argumento, kiu ebligas al la intendanto, daŭrigi la Espranto-elsendojn!)
* kontribuu al la enhavo de la elsendoj
* donu al la intendanto de RAI, s-ro Roland MACHATSCHKE (li estas por la Esperanto-elsendoj), argumentojn por la daŭrigo de la Esperanto-elsendoj de la RAI

Adreso: Radio Österreich International
A-1040 Vieno
Aŭstrio
telefono: +43-1-50 101-16060
telekopiilo: +43-1-50 101-16066
retadreso: roi.service@orf.at
retadreso de la intendanto Roland Machatschke: roi.intendanz@orf.at
retadreso de la Esperanto-redakcio por reagoj kaj kontribuoj: <roi.esperanto@orf.at>

---

## MIA VIDPUNKTO PRI LA MONDA KONGRESO DE SAT

Dankon Doktoro Zamenhof.

Dank'al vi, mi, kiu estas komencanto, kvankam sesdeksep-jara, realigis okaze de la monda kongreso de SAT en Nagykanizsa, veran revon : babili, sed plie, interŝanĝi ideojn kun geamikoj el 27 landoj, kaj tion rekte. Necesas partopreni en tia sperto por kompreni mian grandegan plezuron. Ankaŭ multajn dankojn al geamikoj, kiuj pacience, dum tiu kongreso, aŭskultis miajn ankoraŭ hezitajn frazojn.

Koncerne la kongreson mem, mi, kiu sindikate, politike kaj socie ĉiam luktis, plezure konstatis la bonan sanon de SAT, okaze de diversaj debatoj. La diroj estis foje viglaj sed ĉiam respektoplenaj pri la aliaj intervenantoj.

Krome, mi petas gekamaradojn pardoni al mi se mi foje iom ĝenis per mia kamerao, ĉar tiu kasedo ebligas al mi realigi dokumenton, kiun mi uzos kiel instrurimedon ĉe aliaj komencantoj, pli novaj ol mi, en nia juna asocio de Poitiers.

Konklude, mi ĉerpos el tiu sukcesa sperto la kuraĝon por profundigi mian konon de la internacia lingvo, kaj agi favore de ĝia disvastigado.

Jean GRIMAUD



# salive

## De pano al pankrustaĵo

Germanio estas tradicie lando de diverseco.

Oni trovas en ĉiu regiono specialan specon de pano. Tiuj specoj dividiĝas je fermentpasto kaj feĉpasto, dividiĝas laŭ grenspecoj de tritiko, kaj malnova sovaĝa tritiko. Pano estas hela aŭ malhela, dolĉa aŭ acerba. Estas grandaj gravaj malhelaj panformoj kaj malgrandaj helaj panetoj. Ĝi ekzistas en simpla formo aŭ kun herboj kaj tutgrenoj, dolĉaj aŭ acerbaj.

La diverseco de la bakmanieroj kaj specoj estas konforma al la multeco de la pannomoj en la germana komunlingvo. La diverseco de la nomoj estas tiel granda, ke ekzistas diversaj nomoj por la sama paneto en najbaraj regionoj. Oni trovas eĉ lingvosciencan libron, kiu enhavas pannoman mapon. Tio estas diverseco tipa pro la germana kulturo. Bakistoj estas ĝis hodiaŭ metiistoj, sendependaj kaj liberaj krei kaj organizi sian laboron. Ekzistas komuna laborkomenco nokte, kiu certigas ŝancegalecon de la bakistoj matene. Specialaj bakej-laborleĝoj ordigas la labortempojn por la submajstroj, bakejlernantoj kaj vendistoj, kaj la leĝaj malfermtempoj certigas la panprovizadon al la aĉetantoj. En nia urbo Akeno (Aachen) loĝblokoj aŭ loĝunuoj havas propran bakejon. Troviĝas ĉiam kaj ĉie bakisto, kiu havas specialbonan panon, paneton aŭ kuketon. Sufiĉas malmultaj paŝoj atingi iun bakejon, kiel eniro en la diversgustan mondon de la tre malnova baznutraĵo de la homo.

La tempoj ŝanĝiĝas. De jaroj oni preferas aĉeti en butikegoj frostajn finkuiritajn manĝaĵojn. Multaj ne havas fiksitajn manĝtempojn, sed ili manĝas intertempe, en lunĉejo aŭ moviĝante sur la strato. Pli kaj pli la pano ne havas la iaman gravecon kiel baznutraĵo. Dum la tempo pli kaj pli la sendependaj bakejoj fariĝas vendfilioj de panfabrikoj. Sekve, la filioj estas ankaŭ nomataj ne «bakejo» sed estas nomataj kiel «bakshop» (panbutikoj). La panfabrikoj estas laborlokoj sub la kondiĉoj de la industrio. La pano fariĝas bonaspekta varo sen gusto: La antaŭa diverseco de la regiona deveno, kiu ankaŭ kaŭzas la plej diversajn gustojn, ŝanĝiĝas al nova nomado de la panspecoj, sed tiuj specoj ne havas karakterizan guston. Panoj nomiĝas nun grenpano, kvazaŭ oni ne muelas la farunon el grenoj; sufiĉas kelkaj grenoj en la krusto por ŝajnigi panon je nova kvalito. Alimaniere oni nomas panspecon nun ankaŭ «plenvivpano», kvazaŭ la pano ne estus en iu kulturo jam delonga baznutraĵo. Kaj alia speciala pankvalito estas la biopano. Tio esprimus supozeblan ekologian kvaliton de tiu pano, kvazaŭ la fermentado de la panpasto ne estus natura fenomeno. La panetoj estas nun finbakataj en la vendfilioj. Oni vendas ilin varmaj, kaj vekas la esprimon, ke ili estus freŝaj. Sed ili estas bakvaroj sen gusto, kaj ofte ili ne plaĉas. La pano iĝas krustaĉo. Tio minacas perdigi la tradicion.



Kial oni aĉetas tiun novan panon? Ĝi ne estas pli malmultekosta, ofte estas eĉ pli multekosta. Estas ne nur pigreco, ekzistas ja bakejoj kaj vendfilioj unu apud la alia. Ili ekzistas iom longe, ĝis nur la filioj restas. Kio pelas la aĉetantojn al filioj? Ĉu estas la helaj vendejoj, kiuj estas lume kolorigitaj? Ĉu estas la uniformigataj vendistinoj, kiuj sugestas laŭordan fabrikadon kaj purecon? Ĉu oni estas tiel malcertaj, ke oni serĉas certecon per egaleco? Ĉiukaze pecon post peco oni enkorpigas la malbonan kvaliton. La kvalito kiel valoro pro si mem malaperas. Kaj pecon post peco oni transformiĝas al normata seriprodukto, kvankam neniu iun devigas al tio.

Ekzistas ankaŭ kontraŭevoluado. Pli kaj pli da familioj bakas sian panon mem. Tio estas evoluado, kiu komenciĝis antaŭ jaroj, kiam multe da homoj faris mem sian jahurton. Poste estis la fromaĝo. Familioj volas kontroli la ingrediencojn de la nutraĵoj Troviĝas nun en ĉiu vendejo de mastrumaj aparatoj ankaŭ panaparato. Oni trovas ankaŭ denove novajn bakejojn. En la urbaj kvartaloj, kie loĝas grupe labormigrantoj el Turkio kaj nordokcidenta Afriko, estas malfermataj pli kaj pli da bakejoj. Malmulte estiĝas denove diverseco, flanke al flanke de la propra kaj la enmigrintaj kulturoj. Alportante enmigrantkulturajn tradiciojn oni perceptas surstrate la aromon de freŝa pano.

**Klaus Spielvogel, Akeno, Germanio**

*La aŭtoro dankas al Edvaldo Machado Silva, Roberto Fausto da Silva, James Rezende de Piton kaj Ari Santos Assuncao el Ipatinga/ Brazilo por la korektado de la lingvaj eraroj.*

*******

*Nia « nutrad-temo » levis kaj levos multajn reagojn, kaj ni ĝojas pri tio. Dume nia alia debattemo pri naskado ne multe nutris nin.*

*Por la nova jaro 2002 ni esperas malkovri novajn perspektivojn tra tute malsimilaj ideoj. Ne hezitu: parolu nature pri la tagaj problemoj de la vivo; ĉio interesas nin.*

*Sendu al nia fakredaktoro: Gerardo Rollin; 88, str Viktor Hugo; FR-37 400 AMBOISE < a.reto@france-association.com>*

# Viaj reagoj....

## Dubasenca gratulo

Mia «pli juna frato» Ĝilberto sur la paĝoj 121-122 de Sennaciulo 2001 remalfermas diskuton per kvazaŭa gazetarrecenzo, en kiu li revuas reagojn instigitajn de kalumnio, ŝirmita sub la hipokrita vualo de insida kondicionalo, kiun li senutile juĝis utile aŭ amuze ŝovi pri nia karmemora kamarado Bartelmes en tute aliteman artikolon.

Pri Bartelmes, la afero nun ŝajnas esti en ordo: jes Norberto amis la infanojn per senkulpa amo, kaj la perverseco kaŭras nur en la menso de tiuj, kiuj provis vidi aŭ montri neekzistantan ambiguecon en tiu simpla unusenca fakto. Dankon por tiu klara konfeso.

La severa riproĉo farita al Bruno Comentale pri «Ne SAT-eca sinteno», ĉar li «eniris la dancon sen scii pri la muziko», meritas ekzamenon. Mi relegis lian kontribuon sur paĝo 74 de Sennaciulo (majo 2001). La atesto, kiun ĝi enhavas pri Bartelmes, estas objektiva kaj signifoplena, unusenca, nerefutebla, unuvorte SAT-eca, kiel ankaŭ estas la atestoj de du kamaradinoj, kiuj mem proksimiĝis al maljuna Bartelmes kaj ludis kun li dum ili estis infanoj.

Se do temas pri tio, «eniri la dancon sen scii pri la muziko», tiu riproĉo elvokas bezonon de «stalinista memkritiko», tradicie farebla helpe al koncernato.

Tiu ja certe ne «scias la muzikon» aŭ ignoras ĝin kaj ne tro amas la veron, kiu solidare eĥas al fanfaronado pri tio, ke «triopo de memkontentaj sennomaj nuloj» antaŭ pli ol dudek jaroj ricevis de «tiama stalinista prezidanto de SAT» tiun indulgan distingilon. Konstateble, tiu triopo progresis proporcie en la senco de la historio.

SAT jam de la komenco de 1928 neniam plu havis stalinistan prezidanton, sed tiu, kiun ĝi havis pli frue, lasis pri si la reputacion, ke li neniam estis tre ortodoksa. Cetere, inter veraj stalinistoj ne mankis estimindaj kamaradoj, kiuj ja kapablis erari, sed kiuj nepre prave volis batali por la liberigo de sia klaso kaj forkonduko de la homaro al kiel eble plej alta ŝtupo de civilizo kaj kulturo. Multaj eĉ pagis per sia vivo sian partoprenon en batalo kontraŭ homekspluatadon, kontraŭ faŝismon, por la paco kaj por idealo, kiu principe estas ankaŭ nia.

Kiu ŝatas, por provo aŭ amuzo, provoki siajn amikojn kaj kamaradojn, ekzemple per insidaj kalumnioj, tiel eventuale riskante servi kiel malutila idioto profite al senskrupula mensmanipulado, ... pri tiu oni facile dirus, ke li estas senrespondeca «ekskrementokirlemulo» aŭ «koprofilo». Notu bone la kondicionalon.

Mia «pli juna frato» certe kapablas pli inteligente uzi sian gratulindan talenton. Mi plene konsentas pri tio, ke vivu SAT.

Petro Levi
23111



## Reago pri la Unua de majo

Mi ĝojis legi raportojn pri la lasta manifestacio de la unua de majo en Parizo. Unu afero ĉagrenis min, kaj mi preferis atendi por esprimi tion. Nun prepare al nova agado, estas oportune precizigi miajn sentojn.

Estas evidente, ke la banderoloj estis lastan jaron nur franclingvaj kaj propagandcelaj. Mi komprenis la mesaĝojn, kiuj estis direktitaj al la aliaj manifestaciantoj, (dum oni kutime esprimas malkontenton al la ŝtatreprezentantoj aŭ al la dungantaro!).
Estas iom nedece peti de la aliaj kamaradoj lerni nian lingvon. Tiom ofte oni klopodas konvinki nin al ia religio! Dum la urĝo estas malebligi retroigon de niaj klasaj akiroj!
Ni apartenas al la porsocialisma movado, kaj en tio ni devas ludi propran rolon. Ni havas la samajn postulojn kiel la aliaj, sed ni esprimu ilin en nia laborlingvo. Kompreneble pro niaj pli akutaj supernaciaj sentoj, niaj sloganoj estu aliorientitaj.

Almenaŭ en Eŭropo, simpla laboristo povas rapide diveni frazojn kiel:

"Proletoj el ĉiuj landoj unuiĝu!" (Flora Tristan)

"Monda agado kontraŭ monda kapitalismo!"

"Eŭropskala ekonomio postulas eŭropskalan laborregularon!"

Ktp...

Nia internacieco ja povas sin montri tra etaj paneloj en pluraj lingvoj, sed tio ne ĉefu! Certe ni devus prepari afiŝon por glui sur kartonajn rektangulojn.

G. Rollin



## SENNACIISTA FRAKCIO

Sugesto de la P.K.
De aŭgusto 2001 aperas multaj interesaj debatoj, tekstoj en la diskutlisto :<sennaciismo@yahoogroups.com> Sennaciulo ne povas eĥi pri ĉiuj. Ĉu parto de ili ne povus aperi en iu kreota bulteno de la Sennaciista Frakcio?

*****

## PRI B. WALDON - SEKVOJO

Komence de la jaro, nia kamarado Nathan GANT informis nin, ke B. Waldon ĉiam ricevos kun plezuro kontribuojn pri indianaj aferoj. Tiuj el niaj legantoj, kiuj pri tio kompetentas, povas rilati kun li je la adreso:
Billy WALDON
(N.I. SEQUOYAH)
H27800 - 4F79
SAN QUENTIN STATE PRISON
SAN QUENTIN, CA 94974
Usono

*****

## POR LA ATEISTOJ..... KAJ LA ALIULOJ

Antaŭ 13 jaroj (eĉ pli) estis lanĉita la asocio ATEO. Aperis 3-4 numeroj de ĝia bulteno.... kaj silento. Dum la UK de Valencio (1993) la asocio estis relanĉita...sen sekvo. Dum la Tel-Aviva U.K. nova provo. Eble estas la bona.
Ĝis nun aperis nur unu ekzemplero de la bulteno «Ateismo», sed oni povas esperi ke estas la unua de longa serio.
La fondintoj de ATEO (Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo) decidis ke ĝi estu fakgrupo de UEA. En ĝia Statuto oni povas legi kiel celojn:
- 4-2 : disvastigi Esperanton inter ateistoj
- 4-3: defendi propran egalrajtecon kaj kontraŭi trudadon de religio en neŭtralaj Esperanto-grupoj;
ktp.
La kotizo kiu inkluzivas la abonon al la bulteno estas 15 US$. Oni povas sendi ĝin al :
Dieter ROOKE, Äussere Klus 2, CH-4702 Oensingen, Svisio.
Tekstojn por la bulteno oni sendu al:
Jesuo de LAS HERAS, PK 4461, ES-30080 Murcia, Hispanio.
Retadreso: <ateo@coollist.com>
*Noto: en la bulteno n° 0, p.4, piednote estas tradukita la titolo de la franca gazeto «La raison»(organo de francaj liberpensuloj) - per «La Prudento». Pli ekzakte estus traduki ĝin per «La Racio»*

**El la SAT-sidejo**
67 avenue Gambetta
FR-75020 Paris
Tel: +33.1.47.97.87.05
Fax:+33.1.47.97.71.90
Rete: satesper@noos.fr

## FONDUSO POR NOVA P.I.V.

Kiel vi jam estas informitaj, la laboro pri Nova PIV bone evoluas kaj ni esperas ke en la jaro 2001 ni povos eldoni ĝin. Ĝi devus esti tute renovigita, ĝisdatigita kaj vere ilustrita, t.s. ke la ilustroj estos enkorpigitaj en la teksto mem.-
La eldonkosto de tiu nova ĉefverko de nia lingvo estos tre alta kaj pro tio ni decidis malfermi Fonduson por la eldono de tiu nova PIV.-Ĉiu esperantisto kiu deziras helpi en tiu entrepreno povas sendi monon al tiu fonduso.-La nomoj de kontribuantoj kaj sumoj regule aperos en Sennaciulo.-Se iu ne deziras ke lia/ŝia nomo aperu en tiu listo, ĝi aperos anonime.-La monon bonvolu sendi al la poŝtkonto de SAT :
n° 1234-22 K, Paris (en Francio)
n°-30041-00001-0123422K-020-39 (el eksterlando)
kun indiko "Por la Fonduso de Nova PIV".
Ni anticipe dankas al ĉiuj kontribuantoj.-

La P.K.-de SAT

## FINIĜIS ANTAŬPAGO POR NOVA P.I.V.

Dum la kongreso en Nagykanizsa, SAT decidis fini la antaŭpagperiodon kun rabatita prezo por la nova PIV. Ekde ĝia apero oni povos aĉeti ĝin laŭ la normala vendoprezo. La definitiva vendoprezo kaj la aperdato de la nova PIV estos anoncitaj en la reto kaj en E-gazetaro.

## NOVALIĜOJ

35.508 *Altantsetseg Myagmar, Copo Chiuwa 202, Mukoharâ 6-936-6, JP-207-0013 Higasiyamoto, Japanio.
35.509 Ahado Michel, Rue de la Conche, FR-38390 Porcieu-Amblagnieu, Francio
35.510 *Ie Harumi, Kodatuno 1-30-15, JP-920-0942 Kanazawa, Japanio
35.511 Rasschaert Willem, Zandberg 26, BE-9070 Heusden, Belgio

**FONDUSO PIV**
Syoozi 5000 Enoj;

**FONDUSO B. WALDON**
Kobayasi 5000 Enoj; F. Toubale 500,00 FRF

**HELPO AL LA ASOCIO**
**En Nederlando (NLG)** B. Weber 5,00; A. Kriek 10,78; v.d. Horst 12,50; M Holster 27,20;
**En Francio (FRF)** T. Pinet 5,00; C. Levesque 4,40; G. Lieblang 5,00; F. Degoul 5,00; J. Colom 190,00; G. Rollin 5,00; C. Billard 10,00; F. Gabalda 5,00; Dalmenech 500,00; Bernard 5,00; M. Savignat 21,00; Anonime 1000,00; Anonime 100,00; Anonime 3000,00; C. Gicquel 40,00;
**En Pollando (PLZ)** Jesion 5,00;
**En Svedio (SEK)** SLEA 500,00;
**En Germanio (€)** Ipfelkofer 1,50; anonime 25,56 (50 DEM);
**En Hispanio (€)** J.M. Bernabeu 9,02; L. Maziy 5,42; G. Moya 1,20
**En Japanio (JPY)** Kawamura 5000; Tanaka 1600; Toyama 1600; Maeda 800; W. Schmid 1000; Oogusi 1600; Fukumoto 3600; Hayasi 1600; Nakamura 3000; Ono 800; Syoozi6600; Oonisi 1600; Sato 400; Abe 1600; Adaĉi 800;

## NEKROLOGO

Ni ĵus eksciis ke en Toulouse (FR) mortis nia malnova membro, k-do

**Renato DUREL**
**(matr. 28.678)**

Ni kondolencas al familianoj.

****

En Ijmuiden (NL) mortis nia malnova kaj fidela membro, k-do

**H. KEUTER**
**(matr.18.878)**

Ni kondolencas al familianoj kaj geamikoj.

****

En Driebergen-Rijsenburg (NL) mortis nia kamaradino

**M.A. MES-GOOSSEN**
**(matr. 21.184)**

Ni kondolencas al familianoj kaj geamikoj.

****

En Rio de Mouro (PT), la 8-an de septembro mortis 71-jara, nia kamarado

**Joao-Alberto FRAZAO DE FARIA**
**(matr. 32.526)**

Li estis tre aktiva en la portugala E-movado. Ni kondolencas al la familianoj kaj liaj geamikoj.

****

En Brasschaat (BE), mortis la 12.07.2001, nia malnova membro, kamarado

**Edward SPITAELS**
**(matr. 30.331)**

Li estis tre aktiva en TANEF, FLE kaj SAT. Ni kondolencas al la familianoj kaj geamikoj.



# 75-a KONGRESO DE S.A.T. ALICANTE (ES) 1-8.07.2002

Organiza Kongresa Komitato :
**Prezidanto**: Martin Bustin Benito, Apt° de Correos 4143, ES-03080 Alicante.
Tel.kaj Fakso: 00.34.965184596
Rete:<marteno@ctv.es>
Bankkonto: Martin Bustin Benito,
BBVA 0182-0102-16-0203052953.
**Sekretariino** : Liya Maziy (sama adreso)

Kotiztabelo en €

| Kategorio | Ĝis 31.12.2001 | 31.03.2002 | 31.05.2002 | Poste |
|---|---|---|---|---|
| SAT-membro | 46,15 € | 55,38 € | 66,15 € | 76,92 € |
| SAT-geedzoj | 73,85 € | 89,23 € | 106,15 € | 123,08 € |
| SAT-gejunuloj | 23,08 € | 27,69 € | 33,08 € | 38,46 € |
| Gastoj | 61,54 € | 70,77 € | 81,54 € | 92,31 € |
| Gastoj-geedzoj | 96,92 € | 112,31 € | 129,23 € | 146,15 € |
| Gastoj-gejunuloj | 30,77 € | 36,92 € | 43,85 € | 50,77 € |

Infanoj (ĝis 15 j) ne pagas kotizon.

- ❑ La supre menciitaj kotizoj (kategorio A) validas por la partoprenantoj el la landoj de Eŭropo ne sube menciitaj kaj el Aŭstralio, Israelio, Japanio, Kanado, Usono, Korea Respubliko, Sudafriko.
- ❑ La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SK, SI (kategorio B) ĝuas 40% rabaton.
- ❑ La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa SU, eksa YU krom SI kaj ĉiuj afrikaj, amerikaj kaj aziaj landoj krom supre menciitaj (kategorio C) ĝuas 60% rabaton.

## NIA KONGRESURBO - ALICANTE



Alikanto estas urbo kiu havas trimiljaran historion. La unuaj loĝantoj de la urbo estis la fenicoj kaj ankaŭ poste grekoj kaj iberoj. Alikanto estis fondita de la kartagano Amilkar Barka, kiu nomis ĝin Akra Leuka (Blanka Fortreso). Poste la romianoj ĝin konkeris kaj nomis ĝin Lucentum. Dum la longa araba okupperiodo estis konstruita la plej antikva parto de la Sankta Barbara kastelo, ĉirkaŭ kiu kreiĝis urbo. Dum la alveno de la arabaj konkerantoj la urbo komencis havi sian hodiaŭan strukturon.
La unua riĉa periodo de la urbo estis en la 16-a jarcento pro aktiva mara komerco kiu ebligis grandan disvolviĝon kaj ekonomian prosperon. Kiel konsekvenco estis granda demografia kresko kaj Alikanto fariĝis la tria komerca urbo en Hispanio. En la duono de la 19-a jarcento estis forigitaj la remparoj kiuj ĉirkaŭis la urbon kaj estis faritaj grandaj urbaj modifoj. Dum la hispana revolucio (1936-1939) Alikanto estis unu el la lastaj urboj kiuj estis milite submetitaj al la faŝistoj, kiuj perfidis la Hispanan Respublikon. Nuntempe Alikanto kun siaj 673 kvadrataj kilometroj kaj 286000 loĝantoj estas laŭ graveco, la 2-a urbo en la Blanka Marbordo. (Turisma nomo de la alikanta apudmara regiono).

# KOTIZOJ - ABONOJ DE LA JARO 2002

NEPRE ATENTE LEGU LA ĈI-SUBAJN RIMARKOJN

- Aktiva membro pagas la plenan jarkotizon. Li/ŝi ricevas SENNACIULON + ĝian jaran suplementon, S.R., kaj la dujaran SAT-Adresaron.
- El la indikita sumo, 40 % estas la kotizo, 60 % la abono.
- Malriĉaj emeritoj, kiuj ne povas pagi plenan jarkotizon, senlaboruloj kaj junuloj (ĝis 25j.) pagas minimume la duonon de la plena jarkotizo kaj ricevas la samajn rajtojn kaj servojn.
- **Help- kaj grupmembroj pagas minimume la duoblon de la plena kotizo kaj ricevas la samajn rajtojn kaj servojn.**
- Samfamiliano de membro pagas la duonon de la plena jarkotizo. Li/ŝi ĝuas la samajn rajtojn (ekz. dum kongreso) sed ne ricevas la asocian organon nek la SAT-Adresaron.

* Pagante la sumon aparte indikitan, nemembro povas aboni Sennaciulon + ĝian jaran suplementon «Sennacieca Revuo».

| Landaj perantoj | Valuto | Kotizo + abono | Nura abono |
|---|---|---|---|
| **Argentinio** : Rodolfo Calogero, Namuncura 1749, AR- Q 8302 AOW Neuquen. | € | 25,10 | 27,40 |
| **Aŭstralio**: Bernie Heinze, 1 Marne Rd., Mount Evelyn, Vict.-3796. Reto: <franciska@bigpond.com> | AUD | 80,00 | 88,00 |
| **Aŭstrio** : Dr. Klaus Karner, Schützenstr.-44e, AT-6020 Innsbruck, pĉkt.-3799.466 (Oester. postsparkasse, Wien, konto 000-0025223-03) | € | 46,60 | 51,00 |
| **Belgio** : Jacques (Jakvo) Schram, 49 Hofter Bekestraat, BE-2018 Antwerpen. Reto: <j.schram@skynet.be> | € | 44,70 | 50,00 |
| **Bosnio-Hercegovino** : Ivica Horvat, Artava fašizma 1/IX, BA-71000 Sarajevo | € | 5,20 | 5,70 |
| **Brazilio** : G.R.-Ledon, C.P.-269, BR-12460-000 Campos-do-Jordao-SP. Reto:<ssledon@iconet.com.br> | € | 19,40 | 22,00 |
| **Britio** : Arthur Prent, 7 Walton Gardens, Hutton, Brentwood, Essex, CM13-1EJ (Tel.: +44.1.277.22.89.62) | GBP | 31,00 | 34,00 |
| **Bulgario** : Ganĉo Damjanov, Makariopolski 7, BG-6100 Kazanlak. | € | 7,00 | 8,00 |
| **Ĉeĥio** : Vlada Hasala, A.Dvoraka 1, CZ-69662 Straznice. Reto:<vlada_hasala@iol.cz> | CZK | 530,00 | 580,00 |
| **Ĉinio** : Wang Tianyi, Xi'an Esperanto-Asocio, Xiying-lu 74 Hao, CN-710054 Xi'an. Reto: <esp@pub.xaonline.sn.cn> | CNY | 30,00 | 33,00 |
| **Danio** : Ulrik Rasmussen, Nörregärdsvej 66, DK-2610 Rödovre. | DKK | 370,00 | 410,00 |
| **Estonio** : Freed Neeme, Kooli 6-26, EE-2240 Kehra. | EEK | 95,00 | 105,00 |
| **Finnlando** : Vakas | € | 45,50 | 51,00 |
| **Francio** : Pierre Quillaud, 16 rue du Lt.-Vaisseau Paris, FR-76120 Le Grand Quevilly, pĉk.-SAT Peranto n° 17 333 10 N, Paris. Reto:<pierre.quillaud@wanadoo.fr> | € | 48,00 | 52,00 |
| **Germanio** : Jiri Proškovec, Heimbau Str. 10, DE-44143 Dortmund, pĉk.-9168-434 Postgiroamt Essen (BLZ-360 100 43). Reto: >proskovec@aol.com> | € | 49,00 | 54,00 |
| **Hispanio** : Martin Bustin Benito, Apartado de Correos 4143, ES-03080 Alicante, bankkonto: BBVA 0182-0102-16-0203052953. Reto: <marteno@ctv.es> | € | 27,10 | 30,00 |
| **Hungario** : Béla Kovacs, Béla kiraly u.-44, HU-7400 Kaposvar. Ĝirkonto 11773432-04632175. rete: <adalber1@matavnet.hu> | HUF | 1400,00 | 1500,00 |
| **Italio** : Filippo Giuffrida, Via Lombarnero 57, IT-10080 Canischio (TO) | € | 43,90 | 48,03 |
| **Izraelio** : Jehošua Tilleman, 97-A, Dereh-Akko, IL-26373 Kirjat-Mockin. | ILS | 150,00 | 160,00 |
| **Japanio** : Hiroyuki Tani, Syonai-Higasimati 3-4-2, JP-561 Toyonaka-si.-Pĉk.-00980-9-37624, SAT-Nihon. Reto: <tnhryk@pop07.odn.ne.jp> | JPY | 8400,00 | 9300,00 |
| **Jugoslavio** : Ivan Moĉilnik, Pozeška 132, YU-11030 Beograd. | € | 5,20 | 5,70 |
| **Kanado** : Hans E. Ilginnis, P.O. Box 1133, Ladysmith, B.C. V0R 2E0, Kanado, bankkonto: Sennacieca Asocio Tutmonda CIBC, transit 540, Account n° 0747831; Rete:<hans@nanaimo.ark.com> | CAD | 75,00 | 82,00 |
| **Kroatio** : Zdenka Svetliĉiĉ, Matoševa 6, HR-10410 Velika Gorica, reto: <sat.hr@esperanto.nu> | HRK | 50,00 | 55,00 |
| **, Morelinho, PT-Latvio** : Margarita Zelve, Rupniecibas 35+13, LV-1045 Riga-45 | LVL | 4,00 | 5,00 |
| **Litovio** : Grazina Opulskiene, Tylioji 32-22, LT-5503 Mazeikiai, rete:<grazopul@yahoo.com> | LTL | 20,00 | 22,00 |
| **Nederlando** : Corrie Kwantes-Kooij, Marnixstraat 57, NL-2023 RB Haarlem, pĉk. 2853752. | € | 43,20 | 48,00 |
| **Norvegio** : Per Engen, Store Presterudvei 35, NO-2300 Hamar. | NOK | 410,00 | 450,00 |
| **Novzelando** : Vakas | NZD | 80,00 | 88,00 |
| **Pollando** : Elzbieta Janusz, ul.-Krowoderska 74/3, PL-31-158 Krakow, Bankkonto : BPH III O/Krakow 10601406-300001777438 | PLZ | 25,00 | 27,00 |
| **Portugalio** : Manuel Luis Pedrosa Alves, Estrada Principal, PT-2710 Sintra. Rete: <manuelalvespedrosa@clix.pt> | € | 19,00 | 21,00 |
| **Rusio** : Nikolao Gudskov, a/k 57, RU-105318 Moskvo, Reto: <nikolao@orc.ru> | € | 7,00 | 8,00 |
| **Slovakio** : Miro Zavodsky, Ĉsl.-brigady 67, SK-01004 Zilina-Zavodie. | SKK | 400,00 | 440,00 |
| **Slovenio** : Zlatko Tišljar, Inter-kulturo, Besednjakova 1, SI-62000 Maribor., Tel./fakso:+386.62.100.669 | SIT | 2500,00 | 2750,00 |
| **Svedio** : Inga Johanson, Stampgatan 60.B.-127, SE-411 01 Göteborg, pĉk.-SAT c/o I.-Johanson, n°-26-63-22-7. | € | 44,60 | 48,10 |
| **Svisio** : Erna Döring, Poštfako 225, CH-4003 Basel, pĉk.-40-43136-2. Reto:<ishim@hotmail.com> | CHF | 84,00 | 92,00 |
| **Ukrainio** : Dmitrij M.-Cibulevskij, a/k 9307, UA-310003 Ĥarkovo-3 | € | 5,80 | 7,00 |
| **Usono** : Dan Glass, 7366 Park View Terrac, Mounds View, MN 55112., Reto: <dglass19@earthlink.net>. | USD | 69,00 | 77,00 |
| **Aliaj ne jam menciitaj landoj** | | | |
| Eŭropo +-S.Koreio | € | 30,50 | 33,60 |
| Latinameriko +Sudafriko | € | 19,90 | 21,50 |
| Cetera Afriko + Sud-Azio | € | 18,30 | 19,90 |

Karaj gekamaradoj,
kiel vi povas konstati, ankaŭ ĉi-jare ni ne plialtigis niajn kotizojn. Fakte, jam de kvar jaroj la kotizoj estas senŝanĝaj. Sed, pro la malbona financa situacio kaj nesufiĉa membronombro, ni nepre devos plialtigi la kotizojn por la jaro 2003. Certe vi bone komprenas tiun neceson. Por helpi al niaj financoj, vi povas aldoni al via kotizo iom da mono por Helpo al la Asocio. Elkoran dankon. La P.K. de SAT